2a Jaro MARTO-APRILO 1912. Nro 3.-4.

# Internacia Pedagogia Revuo

Oficiala organo de la
**Internacia Asocio de Instruistoj.**
Membra kotizaĵo por 1 jaro kun la monata revuo : 1 Sm. (Fr. 2,50)
Specimena numero 0,1 Sm. (Fr. 0,25)

REDAKTORO-ADMINISTRANTO : JAN JACOBS,
— BOOMSCHE STEENWEG, 444, ANTWERPEN. BELGUJO. —

## Modelregularo pri la elementaj lernejoj komunumaj en Belgujo.

### ĈAPITRO II.

### PRI LA INSTRUANTA PERSONARO KAJ PRI ĜIAJ RILATOJ KUN LA KOMUNUMA ESTRARO.

—

Art. 9. — La kontrolado pri la elementa instruado de la komunuma estaro estas farita de la urbestro kaj skabenaro.

La komunuma konsilantaro povas plenigi ĉi tiun artikolon kiel sekvas :

Unu el la skabenoj estas speciale komisiita pri la servo de la elementa instruado. Li estas helpata de direktoro (aŭ inspektoro) de la elementaj lernejoj kies funkcioj estas difinitaj kiel sekvas (detali la funciojn).

Art. 10. — La inspektado pri la instruado de la religio kaj la moralo estas farita de la delegitoj de la religiestraroj, laŭ la kondiĉoj montritaj en la reĝaj decidoj de la 12a de decembro 1895.

Art. 11. — La lernejestro estas sola komisiita pri la rilatoj kun la estraroj kaj kun la gepatroj de la lernantoj.

La helpaj instruistoj, kiel ankaŭ la servistaro, estas metitaj senpere sub la ordonoj de la lernejestro. La skabenaro aŭ la skabeno delegita dividas la kursojn inter la instruistoj kaj la helpaj instruistoj.

Art. 12. — La instruisto respondas pri la konservo de la ordo kaj de la disciplino en la lernejo ; li ekzercas aktivan kontroladon super ĉiuj klasoj kaj zorgas pri la preciza observado de la ordonoj regularaj.

Li respondas pri la neobservoj kiujn li ne estas haltiginta aŭ koniginta al la komunuma estraro.

Art. 13. — La instruistoj kaj la helpaj instruistoj devas zorge observi la infanojn je ilia alveno en la korton, je la eliro de la klasoj kaj dum la ludtempoj.

La korto de la lernejo estas malfermita almenaŭ kvaronon da horo antaŭ la komenco de la klasoj.

Art. 14. — La enklasigo de la lernantoj en la diversaj sekcioj apartenas al la lernejestro, krom repostulo je la urbestro kaj skabenaro.

Art. 15. — La instruisto kaj la helpaj instruistoj tenas klasan taglibron montrante mallonge, tagon post tago, la subjektojn de la instruado aŭ de la aplikaj taskoj.

La lernejestro ekzamenas kaj subskribas, almenaŭ unu fojon ĉiumonate, la klasan taglibron de la helpaj instruistoj.

Art. 16. — La instruistoj ne povas okupi sin, dum la klashoroj, pri aferoj nerilatantaj al la instruado kaj la edukado de siaj lernantoj.

Estas malpermesita al ili prizorgi prefere kaj je la domaĝo de la aliaj iajn lernantojn. La instruado devas esti donata egale al ĉiuj lernantoj.

Art. 17. — La instruisto zorgas por ke ĉiu lernanto havu librojn kaj objektojn necesajn por la instruado.

La komunumo havigas senpage al la malriĉaj infanoj la librojn, la kajerojn kaj aliajn klasobjektojn necesegajn por la lernantoj.

Se la komunuma estraro permesas al la instruisto vendi la klasobjektojn al la lernantoj, ĝi povos plenigi artikolon 16 kiel sekvas :

Listo, montrante la prezon de la libroj kaj objektoj kiujn la instruisto povas vendi al la lernantoj, estas afiŝita en la lernejo. Tiu ĉi listo devas porti la aprobon de la urbestro kaj skabenaro.

Art. 18. — Estas malpermesita al la instruistoj rondirigi en la lernejo petskribojn aŭ listojn por monkelekto. Estas ankaŭ malpermesita al ili akcepti donacojn de la lernantoj.

Art. 19. — La instruisto tenas du apartajn registrojn de ĉeestado; unu por la knaboj, la alia por la knabinoj. Estas dezirinde ke la registroj estu konformoj laŭ la modelo rekomendita de la registraro.

Art. 20. — Je la komenco de ĉiu jarkvarono la instruisto konigas

al la urbestro kaj skabenaro kaj al la kantona inspektoro la movadon de sia lernejo dum la antaŭa jarkvarono.

Art. 21. — Je la fino de la lernojaro, la instruisto komunikas al la urbestro kaj skabenaro rezuman raporton pri la stato de sia lernejo dum la pasinta jaro. Li sendas kopiaĵon de tiu raporto al la kantona inspektoro.

Art. 22. — Eksterordinaraj libertempoj povas esti donitaj al la membroj de la instruanta personaro, de la urbestro kaj skabenaro, se estas bonforme konstatita ke la farto de la interesato ne permesas al li doni sian instruadon, aŭ ke li devas forestiĝi pro urĝaj aferoj.

La instruisto informas la urbestron kaj skabenaro pri la libertempoj kiuj estas necesaj por ĉeesti la kantonajn konferencojn.

Art. 23. — Kiam la instruisto, pro malsano konstatita per atesto de la kuracanta kuracisto estas devigata ĉesi sian instruadon dum pli ol du semajnoj, la urbestro kaj skabenaro nomas instruiston anstataŭanton.

Art. 24. — Se instruisto malrespektas la ordonojn de la regularo aŭ se li endanĝerigas la honoron de sia ofico, la komunuma konsilantaro faras la aranĝojn necesajn por haltigi la malbonan ekzemplon, aplikante se necese estas, kontraŭ la instruisto unu el la punoj montritaj en art. 19 de la leĝo.

Art. 25. — La instruisto aŭ la helpa instruisto eksiĝinta daŭrigas sian funkcion dum unu monato, escepte se li estis anstataŭita provizore aŭ difinitive antaŭ la fino de tiu tempolimo.

Se la kuracistoj de la malriĉuloj ricevas salajron de la oficejo de bonfarado aŭ de la komunumo, la regularo povas enhavi la sekvantan aranĝon.

Art. 26. — La kuracistoj de la malriĉuloj devas viziti la publikajn lernejojn en okazo de epidemio ; kaj krom la okazoj de epidemio, almenaŭ unu fojon ĉiumonate.

Post ĉiu vizito li sendas al la urbestro kaj skabenaro raporton pri la sanostaton de la lernantoj.

La lernantoj atingitaj de komunikiĝema malsano estas resendatoj al siaj gepatroj kaj povas nur reveni lernejon ricevinte de la kuracisto ateston kiuj certigas pri la plena resaniĝo.

(Daŭrigota)
laŭ la oficiala teksto tradukis
JAN JACOBS.

# La vivo kaj edukado de la japanaj infanoj.

Penvaloras sciiĝi ion pri la vivo kaj edukado de l' japanaj infanoj dum iliaj unuaj vivjaroj sub la gardado de la gepatroj. Tre interesan artikolon pri la vivo kaj edukado de la japanaj infanoj publikigis la edzino de l' urbestro de Tokio, S-ino Osaki, en la franca ĵurnalo « Matin ». La naskiĝo de ĉiu infano ĉiam estas solena okazintaĵo en ĉiu japana familio, ĉu riĉa, ĉu malriĉa. Ĉe la riĉuloj, kiel ankaŭ ĉe la malriĉuloj, la infanoj estas ĉirkaŭataj de zorgoj kaj pruvoj de la gepatra amo. Estas la plej granda krimo por la japano, kiam li mortis sen posteuloj. La graveco de l' edzino en la domo kaj en la familio nur havas valoron, post kiam ŝi fariĝis patrino. La sepan tagon post la naskiĝo la infaneto ricevas sian nomon. La knaboj ricevas la nomon de sia patro al kiu oni aldonas unu silabon. La knabinoj ricevas simbolajn alnomojn, ekzemple : « Matsu », tio estas konstanteco aŭ persisteco. « Take », t. e. feliĉo. « Tama » t. e. juvelo k.t.p. Dum la unua vivjaro la infanoj estas vestataj per ruĝaj vestaĵoj, ĉar la blanka koloro signifas funebron. Poste la infanoj estas vestataj per multkoloraj vestaĵoj. ornamitaj per rubandoj aŭ floroj. La patrino sin tute deciĉas al siaj infanoj, zorgante ke ili estu banataj, tondataj kaj bele vestataj. Ĉiu patrino, eĉ el la plej alta societa klaso, mem mamnutras sian infanon, kion ŝi daŭrigas tri, kvar aŭ kvin jarojn. Kia grava parto en la edukado de l' infanoj estas la familia vivo ! Ĝi fundamentas sur la infana respekto.

Kvankam la gepatroj tre dorlotas siaj infanojn per granda indulgemo, tamen la gepatroj scias obeigi kaj respektigi sin. La infanoj estas tre severe edukataj al ĉasteco, obeemo, disciplino kaj antaŭ ĉio al estimo de la gepatroj. La fratinoj devas obei al la fratoj. Matene, kiam la infanoj forlasas la dormoĉambron, ili devas rapidi al la gepatroj, fleksi la malgrandajn kapetojn ĝis la tero, kaj kun helaj voĉoj ĝoje ekvoki : « Kia estas via sano ? » Antaŭ ol manĝi, ili suprenlevas la kulerojn aŭ forkojn ĝis la frunto, riverencas antaŭ la gepatroj kaj esprimas al ili la plej koran dankon. Antaŭ ol ili forlasas la gepatran domon, por iri en la lernejon, ili genufleksas antaŭ la patrino kaj akompanas sian

patron ĝis la pordo de la oficejo, vendejo aŭ laborejo, genufleksas antaŭ li kaj diras. « Dio akompanu vin, revenu baldaŭ hejmen ».

Infanoj tiamaniere edukitaj estas bonegaj lernantoj de la popollernejo. La instruisto facile konservas la ordon ; la lernantoj rapide progresas kaj fariĝas provitaj kaj harditaj por la peniga homa vivo. Ke tiuj ĉi severaj edukado kaj disciplino maturigas bonegajn fruktojn, tion plej bone pruvis la milito rusa-japana.

Laŭ artikolo el « Illustrierte Kronen-Zeitung » esperantigis :

Alois Halamasek, instruisto
en Unter-Themenaŭ, Nieder-Osterreich, Aŭstrio.

---

## ENKETO PRI LA ĜENERALA SITUACIO DE L' UNUAGRADA INSTRUADO EN LA DIVERSAJ LANDOJ.

Nia pariza profesia asocio organizis ĝeneralan tutmondan enketon pri la situacio de l' unuagrada, popola instruado kaj de la geinstruistoj.

Kromprenehle pro la diverseco de lingvoj multaj malhelpaĵoj okazis. Mi certigis al miaj kolegoj ke per Esperanto ni povos ricevi facile la precizajn sciigojn necesajn.

Mi do aranĝis demandaron kaj gentile petas la gekolegojn sendi la respondojn. Por montri ekzemplon mi respondis mallonge pri Francujo.

J. Aizière,
rue de Berlin, Alfortville, (Francujo).

### DEMANDARO.

#### I. ĜENERALA KAJ LEĜA ORGANIZADO DE L' UNUAGRADA INSTRUADO ?

Deviga aŭ ne ? Sankcioj ? De kia aĝo ĝis kia aĝo ?

Ĉu la programoj estas samaj por knaboj kaj knabinoj ?
en la tuta lando ?

Daŭro de la lerntago ?

Kiom da lernantoj — meznombre — en unu lernĉambro ?

Libertempoj ? Someraj ? Paskaj ? Kristnaskaj ?

II. KIEL ONI FARIĜAS INSTRUISTO AŬ INSTRUISTINO?

Ekzamenoj necesaj? Preparado?

Ĉu estas specialaj lernejoj por la preparado de la estontaj geinstruistoj?

Daŭro de la studado en tiaj lernejoj? De kia aĝo ĝis kia aĝo?

Kiu oficdonas la geinstruistoj? Kiu eksigas ilin?

Ĉu en la urbaj lernejoj estas direktoro en ĉiu lernejo?

Kiel oni fariĝas direktoro? Ĉu la direktoroj instruadas?

III. SALAJROJ?

Minimuma leĝa salajro? maksimuma salajro?

Kiamaniere tiu salajro plialtiĝas?

Kiu pagas la geinstruistojn?

Ĉu ili ricevas diversajn plipagojn krom leĝa salajro?

IV. PENSIO?

Ĉu la geinstruistoj rajtas pension?

Je kia aĝo?

Post kiom da servjaroj?

Kiel estas kalkulata la pensio?

Ĉu oni trudas deprenon sur la salajro pro estonta pensio?

V. POLITIKAJ KAJ SOCIAJ RAJTOJ DE L' INSTRUISTO?

Ĉu li rajtas vocdoni? skribi en politikaj gazetoj?

Ĉu li povas esti balotata?

Ĉu li povas komerci?

---

## RESPONDARO PRI

### FRANCUJO.

I. — En Francujo la unuagrada instruado estas deviga por la geknaboj de la 6a ĝis la 13a jaraĝo. Sed nenia sankcio atingas la neobeantojn kaj sekve multnombraj infanoj neĉeestas aŭ ĉeestas neregule la lernejon.

La ĝeneralaj programoj estas komunaj al knaboj kaj knabinoj en ĉiuj partoj de Francujo, sed pli kaj pli montriĝas inklino al diverseco de programoj laŭ la regionoj.

En ĉiuj lernejoj la lerntago daŭras ses horojn: tri horojn matene kaj tri horojn posttagmeze en ĉiu sezono.

En Parizo la meznombro da lernantoj en ĉiu lernĉambro estas 48.

Estas proksimume 200 lerntagoj jare. Jen la ĉefaj libertempoj.
3 tagojn je la nova jaro — 10 tagojn je Pasko — 6 aŭ 8 semajnojn en Aŭgusto kaj Septembro. Plie la lernejoj estas fermataj ĉiun dimanĉon kaj ĉiun ĵaŭdon.

Estas ŝtataj neŭtralaj lernejoj kaj liberaj privataj lernejoj kie oni instruadas ĝenerale laŭ religia vidpunkto. Ĉi tie ni nur parolas pri ŝtataj lernejoj.

II. — Laŭleĝe por fariĝi instruisto aŭ instruistino sufiĉas plenumi ekzamenon de atesto pri kapableco unuagrada. Multaj geinstruistoj ne havas alian preparadon.

Tamen ekzistas specialajn lernejojn por la profesia preparado : la normalaj lernejoj.

Eniras en normalan lernejon nur la junuloj aŭ junulinoj kiuj plenumis la ekzamenon supre cititan kaj ankaŭ specialan enirekzamenon. Ili estas almenaŭ 16 jaraj.

La studadoj daŭras tri jarojn post kiam oni plenumas ekzamenon de atesto pri kapableco superagrada.

Estas « rajtigitaj » instruistoj aŭ instruistinoj nur tiuj kiuj plenumis post 2 jaroj da instruado teknikan ekzamenon.

La rajtigitaj instruistoj estas oficdonataj de la prefekto reprezentanto de la registraro laŭ propono de ĉefa inspektoro. Same la prefekto rajtas eksigi instruiston preskaŭ laŭvole.

En urbaj lernejoj kaj speciale en Parizo estas direktoro en ĉiu lernejo; tiu direktoro estas elektata de l'administracio sen speciala ekzameno el instruistoj aŭ instruistinoj.

Ĝenerale la direktoro ne instruadas sed zorgas pri ĉiuj ĝeneralaj aferoj en la lernejo.

III. — La rajtigitaj geinstruistoj dividiĝas en 5 klasoj. Jen tabelon pri iliaj ŝtataj salajroj :

| | Instruistoj | Instruistinoj |
|---|---|---|
| 5a klaso | 1200 frankojn | 1200 frankojn |
| 4a — | 1500 — | 1400 — |
| 3a — | 1800 — | 1600 — |
| 2a — | 2000 — | 1800 — |
| 1a — | 2200 — | 2000 — |

La direktoro kaj direktorino ricevas plie plipagon da 200 fr. en la lernejoj enhavantaj 2 aŭ 3 lernĉambrojn kaj da 400 fr. kiam estas pli ol 4 lernĉambroj en la lernejo.

Plie la geinstruistoj ricevas de la komunumo.

1° Loĝejon aŭ monkompensaĵon varieblan de 75 fr. ĝis 700 fr. Superan klason oni atingas post 3, 4 aŭ 5 jaroj laŭ administracia elekto.

Duan klason oni atingas nur post 6 jaroj plej ofte, kaj unuan klason nur per administracia elekto sen maksimuma tempo.

2° En la komunumoj enhavantaj pli ol 1000 loĝantojn plipagon varieblan de 50 fr. ĝis 1000 fr. laŭ la graveco la urbo.

Parizaj geinstruistoj. — En Parizo la ŝtata salajro kaj la restadeja kompensaĵo estas kunigitaj kaj plialtiĝas de klaso al supera klaso.

| | Instruistinoj | Instruistoj | Direktorinoj | Direktoroj |
|---|---|---|---|---|
| 5ª klaso | 1700 fr. | 2000 frank. | | |
| 4ª — | 2000 — | 2400 — | | |
| 3ª — | 2200 — | 2700 — | 3700 frank. | 3900 frank. |
| 2ª — | 2600 — | 2900 — | 4000 — | 4300 — |
| 1ª — | 3000 — | 3200 | 4400 — | 4600 — |

La geinstruistoj ne ankoraŭ rajtigitaj ricevas 1600 fr.

Superan klason oni atingas post 3, 4 au 5 jaroj en la sama klaso, laŭ administracia elekto. La gedirektoroj atingas superan klason post 3 jaroj, kutime ili loĝas senpage en la lernejo. Ĉiuj kiuj ne estas loĝataj ricevas kompensaĵon da 800 fr. ĉirkaŭe.

La geinstruistoj ne loĝas en lernejo, ili ricevas loĝkompensaĵon da 600 fr. kiam ili estas fraŭlaj kaj da 750 fr. kiam ili estas edziĝitaj.

Instruisto povas edziĝi kun instruistino sed tiam ĉiu el ili ricevas nur 600 fr. kiel loĝkompensaĵon.

IV. — La 55 jaraj geinstruistoj post 25 servjaroj minimume povas ricevi pension volorante maksimume la $\frac{2}{3}$ de la ŝtata salajro. Por tiu estonta pensio oni detenas ĉiumonate 5 % de la ŝtata salajro.

45 jara instruisto aŭ instruistino post 15 servjaroj povas ricevi malgrandan pension se li estas malsana pro profesio.

V. — Francaj instruistoj rajtas voĉdoni kiel iu ajn civitano ; sed nur vilaĝaj aŭ urbaj konsilantoj ili povas esti balotitaj. Instruisto ne povas fariĝi nek urbestro, nek deputato.

Li ne rajtas komerci.

En Francujo instruistino kiel iu ajn virino havas nenian politikan rajton.

# LA LERNEJOJ EN LA AŬSTRIA ĈEFDUKLANDO NIEDER-ÖSTERREICH

(MALSUPRA AŬSTRIO)

En la aŭstria ĉefduklando Nieder-Österreich estas jenaj lernejoj:

A.) Popollernejoj; B.) Burĝalernejoj; C.) Mezgradaj lernejoj; D.) Politeknikaj lernejoj; E.) Profesiaj lernejoj; F.) Universitatoj; G.) Akademioj; H.) Privataj lernejoj.

A.) La popollernejoj estas 1 ĝis 6 klasaj, laŭ la nombro de la lernantaro. La infanoj devas viziti la popollernejon de la 6a ĝis la 14a vivjaro. La vizitado de la lernejo estas leĝa deviga. Se iu lernanto sen senkulpigo kelkajn tagojn forlasis la vizitadon de la lernejo, la patro estos kondamnita pagi punmonon; se li rifuzas ĝin pagi, li estos malliberigita. La instruado en la popollernejoj kaj burĝalernejoj estas senpaga. En urboj, kie krom la popollernejoj estas ankaŭ aliaj lernejoj, ekzemple: burĝalernejoj, mezgradaj lernejoj k. t. p. la lernantoj vizitas nur 5 jarojn la popollernejon kaj post bone farita ekzameno ili povas eniri burĝanlernejon aŭ iu ajn mezgradan lernejon. En la kamparo, precipe en regionoj kie la loĝantaro sin okupas per terkulturo kaj vinberkulturo la 13 jaraj gelernantoj estas liberigitaj de la vizitado de la popollernejo de 1a de marto ĝis 30a de novembro, por ke ili povu helpi al siaj gepatroj en la terkulturaj kaj en la vinberkulturaj laboroj. Sed dum la vintraj monatoj, de 1a de decembro ĝis 28a de februaro tiuj gelernantoj devas regule iri la lernejon. Nia kampara instruistaro fervore kontraŭbatalas tiun ĉi agmanieron, ĉar la gelernantoj dum tiel longa forpermeso multe forgesas.

B.) La burĝalernejoj estas 3 klasaj kaj partigitaj laŭ la sekso de la gelernantoj en burĝaj lernejoj por knaboj kaj burĝaj lernejoj por knabinoj. En la burĝajn lernejojn oni akceptas nur tiujn gelernantojn, kiuj dum 5 jaroj vizitis la popollernejon, 5 klasojn, kun bona sukceso. En kelkaj grandaj urboj estas burĝaj lernejoj kun 4 klasoj. La 4a klaso konsistas el 3 apartaj fakoj:

1.) Komerca fako, kie la lernantoj estas instruataj pri simpla, duobla kaj Amerika librotenado, komerca korespondado, stenografio, maŝinskribado, hektografado, kono de la ĉiusemajnaj

prezoj de diversaj komercaĵoj; la direkcio de la burĝa lernejo abonas gazetojn, kiuj informas pri prezoj de diversaj komercaĵoj. La lernantoj de la komerca fako povas tute senpage legi tiujn gazetojn.

2.) Fervoja fako, kie la lernantoj estas instruataj pri ĉio, kio koncernas la fervojan servon (fervoja regularo, plano de veturiloj, diversaj signaloj, telegrafo, telefono).

3.) Poŝta fako, kie la lernantoj estas instruataj pri poŝtaj, telegrafaj, telefonaj tarifoj, pri ekspedo de poŝtkartoj, leteroj, presaĵoj, paketoj kaj diversaj aliaj sendaĵoj al en-kaj eksterlando; unuvorte: pri ĉiuj poŝtaj laboroj, kiujn la poŝta oficisto devas efektivigi.

C.) La mezgradaj lernejoj estas: 1.) Gimnazioj 8 klasaj, ankaŭ nomataj «supraj gimnazioj», en kiuj la profesoroj instruadas ne nur la ĉefajn instruobjektojn sed ankaŭ la lingvojn latinan kaj antikve-grekan. Ankaŭ ili legas verkojn el la latina kaj greka leteraturoj. Kiu volas viziti la universitaton, devas studi la gimnazion. Je la fino de la studadoj la studentoj de la 8a klaso, nomataj «abiturientoj», devas fari severajn ekzamenojn, skribe kaj buŝe, pri ĉiuj instruobjektoj; tiu ĉi ekzameno estas nomata «ekzameno de matureco» kaj ĉiuj abiturientoj, kiuj kun bona sukceso faris la ekzamenon, ricevas la maturecan ateston. Se abituriento malsukcesis nur en unu instruobjekto, li povas fari, post la libertempo, la postekzamenon pri la malsukcesita unu instruobjekto; se li faras la postekzamenon kun bona sukceso, la prezidanto de la ekzamenantaro tion en la maturecan ateston rimarkas, kiun la abituriento ricevas. Kiam iu abituriento malsukcesis en du instruobjektoj, li ricevas neniun matureca atesto kaj devas, post la libertempo, dum la sekvanta lernjaro ripeti la 8an klason.

2.) Reallernejoj konsistas el 7 klasoj en kiuj la profesoroj instruadas la plej gravajn instruobjektojn kaj ankaŭ la francan lingvon. La lingvoj bohema kaj angla, kiel ankaŭ la stenografio, ne estas devigaj instruobjektoj. Kiu volas fariĝi inĝeniero, termezuristo, geodeziisto, tiu devas studi en la reallernejo. La ĉefaj instruobjektoj en la supraj klasoj (5a, 6a, 7a,) estas: geometrio, desegnado de planoj, geodezio kaj geognozio. Post bone finita

ekzameno la abiturientoj, studentoj de la 7a klaso, ricevas la maturecan ateston.

3.) Realgimnazioj estas mezgradaj lernejoj 4 klasaj, en kiuj estas instruataj la samaj instruobjektoj kiel en la 4 malsupraj klasoj de gimnazio kaj reallernejo. Post la finigo de la 4a klaso la lernantoj vizitas la suprajn klasojn (5, 6, 7, 8) de gimnazio aŭ la suprajn klasojn (5, 6, 7) de reallernejo. Post farita ekzameno ili ricevas maturecan ateston.

D.) Kiu volas studi en politeknika lernejo, supra industria lernejo, tiu devas pruvi per sia matureca atesto, ke li studadis en 7 klasa reallernejo.

E.) Profesiaj lernejoj estas: komercaj industriaj, konstruartaj, maŝinfaristaj, meĥanikistaj, skulptistaj, ĥemiaj, elektroteknikaj lernejoj kaj ankaŭ la pedagogiaj institutoj. Kiu volas fariĝi instruisto, tiu devas studi 4 malsuprajn klasojn de iu ajn mezgrada lernejo. Antaŭ lia akzepto en la pedagogian instituton, li devas fari ekzamenon pri ĉiuj instruobjektoj, kiujn li studis en la 4a klaso de iu ajn mezgrada lernejo. Li ankaŭ devas esti kapabla kanti, ludi violonon kaj orgenon. Ju pli muzikinstrumentojn la kandidato povas ludi, des pli li estas preferata dum la ekzameno. La pedagogiaj institutoj estas 4 klasa kaj enhavas ankaŭ unu 5 klasan pollernejon nomatan « Ekzercada lernejo » en kiu la kandidatoj de la 3a kaj 4a klasoj praktike perfektiĝas en instruado. Kiam la kandidatoj finis la vizitadon de la 4a klaso, ili devas fari ekzamenon, skribe, buŝe kaj praktike pri ĉiuj instruobjektoj, kiuj estas instruataj en la popollernejoj kaj apartan ekzamenon pri historio de pedagogio kaj pri logiko. Post ĉiuj finitaj ekzamenoj la kandidatoj ricevas maturecajn atestojn. Se prosperas al instruista kandidato, kiu finis siajn studadojn en pedagogia instituto, baldaŭ ricevi instruistan oficon, li devas efiki dum 2 jaroj kiel provizora instruisto en iu ajn popollernejo. Provizoraj geinstruistoj kun atesto pri matureco ricevas jaran rekompencon de 1000 Kronoj (416.66 Sm) laŭ la leĝo de 1 januaro 1911a.

Ĉiu fervora provizora instruisto faras post 2 servjaroj la duan ekzamenon pri instruista kapableco kaj ricevas kiel provizora instruisto kun atesto pri instruista kapableco jaran rekompencon de 1200 kronoj (500 sm.) Se iu instruisto post kelkaj jaroj volas

fari ekzamenon por burĝaj lernejoj, li devas studadi pli altan matematikon, algebron, kvadratigi, eltiri la kvadratan radikon, solvi ekvaciojn, geometrion, logaritmojn, planimetrion, stereometrion, desegnadon laŭ modelo kaj per koloroj ; la desegnado povas esti efektivigita per nigra kreto aŭ koloroj. Plue li devas studadi : gramatikon, fonetikon, etikon, etimologion, pedagogian kaj mondan historion, la literaturon de la klasikaj verkistoj, zoologion, somatologion, botanikon, mineralogion, geologion, fizikon, hemion, geografion k.t.p. La instruistoj, kiuj instruadas en burĝaj lernejoj, havas la titolon « fakinstruistoj » kaj estas pli multe pagataj ol instruistoj en popollernejoj.

F.) Universitatoj. La universitatoj konsistas el 4 fakultatoj : teologia, medicina, jurista kaj filozofia. Kiu volas fariĝi orda aŭ eksterorda aŭdanto de la universitato, tiu devas pruvi al la rektoro, ke li faris ekzamenon en gimnazio kaj montri al li la maturecan ateston.

G.) Akademioj. 1.) Akademio por belaj artoj : a) muziko ; b) kantado, c) pentrarto, d) skulptarto. 2) Orientala akadamio por tiuj, kiuj volas fariĝi ambasadoroj en orientaj landoj. 3.) Komerca akademio, en kiun estas akceptataj tiuj kandidatoj, kiuj studadis la tutajn gimnazion aŭ reallernejon. 4.) Terkultura akademio postulas la samajn kondiĉojn kiel la komerca. 5.) Akademio por pentristoj, kiuj volas fariĝi artistoj en la pentrarto. 6.) Akademio por instruistoj en kiun estas akceptataj nur tiuj kolegoj, kiuj studadis la tutajn gimnazion aŭ reallernejon kaj kiuj faris ekzamanon por burĝaj lernejoj.

H.) Privataj lernejoj estas : 1.) Seminarioj por instruistoj kaj pastroj. 2.) Supraj lernejoj por geknaboj. 3.) Popollernejoj por geknaboj. 4.) Internulejoj por pastroj. 5.) Burĝalernejoj por geknaboj. 6.) Mezgradaj lernejoj por geknaboj. 6). Abatejoj por instruado de la junularo. 7.) Infana ĝardeno, en kiun estas akceptataj 4 jarajn infanojn kiuj tie lernas diversajn flektlaborojn, kantojn, pentri diversajn objektojn k.t.p. La geinstruistoj kiuj efikas en privataj lernejoj estas bone pagataj, sed ili havas neniun pretendon je la pensio.

Alois Halamasek,
Unter-Themenaŭ
Malsupra-Aŭstrio.-Aŭstrio.

# Alvoko al Esperantistoj.

Mokva firmo « Posrednik » (Peranto) eldonas ĵurnalon « Majak ». (Lumturo) en rusa lingvo por infanoj de 10-15 jara aĝo. En tiu ĉi ĵurnalo estis presita la memlernolibro de esperanta lingvo por infanoj ; post tio multaj abonantoj de tiu ĉi ĵurnalo demandis la redakcion pri adresoj de alilandaj esperantistoj por korespondado. Pro tio mi, kiel gvidanto de esperanta fako en tiu ĉi ĵurnalo, petas samideanojn, ke ili bonvolu sciigi min pri adresoj de tiuj 10-15 jaraj geesperantistoj, kiuj deziras korespondadi kun rusaj samaĝaj gesamideanoj ; estas dezirindaj ankaŭ komunikaĵoj pri tio, pri kio oni deziras korespondadi. Tiuj ĉi adresoj estos regule presataj en ĵurnalo « Majak » certe, tute senpage.

N. Kabanov,
Neopalimovski, 12,
Moskvo (Rusujo).

## NEKROLOGIO.

Sro Dro Gabrielo Robin mortis en Bucuresti (Rumanujo), la 26an de Decembro 1911. Li estis fondinto kaj direktoro de « Danubo ».

Sro Amatus Van der Biest, prezidinto de la VIIe kongreso, mortis en Antverpeno (Belgujo) la 22an de Januaro 1912.

La memoro pri ambaŭ senlacaj pioniroj ĉiam restos en niaj koroj !

## DANKON.

La administracio de I. P. R. varme dankas siajn kunfratojn, Franca Esperantisto kaj Bohema Revuo Esperantista, pro ilia grava helpo, publikigante sciigojn pri la restarigo de nia asocio kaj de nia organo.

## MEMBROJ KIUJ PAGIS SIAN KOTIZAĴON ANTAŬ LA 25an DE MARTO 1912.

34. Fino Ant. Janalikova, Bystrice-Hostyn, (Moravio-Aŭstrio) Sm. 1.—

35. Fino M. Minarikova, Bystrice-Hostyn, Moravio-Aŭtrio) 1.—
36. Sino Krumpholc, Bystrice-Hostyn, (Moravio-Aŭtrio) 1.—
37. Sro Jan Ŝ'efl, Svarov p. Unhoŝt (Bohemujo-Aŭtrio) 1.—
38. Sro E. Ulitzch, Schillerstr., 16, Gera, (Reuss-Germanujo) 1.—
39. Sro Bedrich Doucek, Dolni Redice u. Holice (Bohemujo-Aŭtrio) 1.—
40. Sro Gavril Poppoff, Beloslatina (Bulgarujo) 1.—
41. Sino H. Zapater de Chalmot, Neue Mastrichtesstr., 15, Köln a/ Rein (Germanujo) 1.—
42. Sro Walter B. Currie, La Verda Stelo, Holme Road, Burnley (Anglujo) 1.—
43. Sro G. J. Cox, 125, Broomswood Rd, Clapham Common, London, S.W. (Anglujo) 1.—
44. Fino F. L. Winkelgren, Holmdale, Queen's Rd, Buckhursthill (Essex-Anglujo) 1.—
45. Fino Edith M. Bartholomew, 13, Morton Way North, Letchworth (Anglujo) 1.—
46. Fino E. J. Metcalf, 106, Calabria Rd., Highbury, London, N. (Anglujo) 1.—
47. Sro W. Phillimore, 66, Earlsfield Rd, Wandsworth, London, S.W. (Anglujo) 1.—
48. Sro W. Lutkie, Reijen, (Nederlando) 1.—
49. Sro Fr. Rockmann, Klewizstr., 12, Magdeburg (Germanujo) 1.—
50. Sro Fafet, avenue Foy, 233, Amiens (Somme-Francujo) 1.—
51. Sro M. Timuŝ, Ferbinti-Rosiori (Rumanujo) 1.—
52. Sro Camin, 4, rue de Bagnolet, Vincennes, (Seine-Francujo 1.—
53. Sro Anfroy, 8, rue de Paris, St-Leu (S. et O. Francujo) 1.—
54. Fino F. van Amelsfort, Capucynenstr., 53, Tilburg, (Nederlando) 1.—
55. Sro N. Moesgaard, Kjöge (Danujo) 1.—
56. Sro C. G. Sterkenburg, Beltrum (Nederlando) 1.—
57. Sro N. Foss, « Semejno-Pedagogiĉeskoe Obŝĉestvo », Centralnaja, 20, Ufa (Rusujo) 0.900
58. Sro Paul Benoit, école de Torcy, Sedan, (Ardennes-Francujo) 1.—
59. Sro Fr. Drudin, 93, boulevard du Nord, Lyon (Francujo) 0.900
60. Fino Prouteau, rue Diderot, Bourges (Francujo) 1.—

61. Sro H. T. Bailey, 31, Caversham Rd., Kentish Town, London (Anglujo) 1.—
62. Sro A. Ruche, Onzain, L. en Ch. (Francujo) 1.—
63. Sro F. Roy, 3, rue Anthoard, Grenoble (Francujo) 2.—
64. Sro V. Sirunjan, Psiĥo-Neŭrologia, Instituto, Peterburgo (Rusujo) 1,500

# BIBLIOGRAFIO

SEPA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO. — Oficiala raporto kaj protokolaro. (Esperantista Dokumentaro, kajero dek-oka). — Esperantista Centra Oficejo, Paris. — 1,2 Sm.

OFICIALA JARLIBRO DE U. E. A. — Universala Esperantio Librejo, rue de la Bourse, 19, Genève. — 0,5 Sm.

LA PACPARLAMENTO KAJ ĜIA ORGANIZO. — Inf. kapitano B. J. Klingenberg, profesor Dahls gate, 18, Kristiania, Norvegujo. — 0,15 Sm.

JUDAS'o, drama monologo por Sinjoro, (el la Biblia Historio) Originale esperante verkita de Oscar Van Schoor. Centra Esperantista Belga Oficejo. Vondelstraat, 20, Antverpeno Belgujo). — 0,200 Sm.

A MAGYAR ORSZAGOS ESZPERANTO EGYSIILET ALAPSZABALYAI. — Dr Giensswein Sandor, elnök. — Budapest, Stephaneum Nyomda R. T.

GVIDFOLIO TRA PRAHA e'donita de la « Centra Asocio Bohema Unio Esperantista » sub aŭspicioj de U. E. A.

LA BOHEMA « SOKOL » KAJ LA VI GIMNASTIKA KONGRESO EN PRAHA 1912. — K. Vanĉek. — Esperanta Oficejo en Praha II. Vodiĉkova ul. 38.

LINGVO INTERNACIA, monata, centra organo de la Esperantistoj. Jare : 5 fr. (2 Sm.) Adm. Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède, Paris, Francujo.

ANTAŬEN monata, oficiala organo de la Germana Laborista Esperantista Asocio. Jare : 1,40 Sm. Adm. F. Zuckarolli, Beim Strohhaus, 31e, Hamburg, 5, Germanujo.

BOHEMA REVUO ESPERANTISTA kun literatura aldono, monata, oficiala organo de centra asocio « Bohema Unio Esper-

antista » (B. U. E.) Jare : 1,50 Sm. Adm. Ed. Kühnl, Dittrichova ul. 7, Praha II. 2023, Bohemujo, Aŭstrio.

POLA ESPERANTISTO, monata. Jare 2,65 Sm. kun literara aldono. Adm. Hoza, 20, Warszawa, Polujo, Rusujo.

———

Ordinaraj membroj pagas ĉiujare 1 Sm. (fr. 2.50) ; propagand-uloj almenaŭ ĉiujare 4 Sm. (fr. 10) ; donaculoj almenaŭ ĉiujare 10 Sm. (fr. 25). I. A. I. akceptas dankeme ĉiujn donacojn, kiuj helpas ĝian agadon.

———

## DIVERSAJ SCIIGOJ

Dezirante forte restarigi I. P. R., Sro F. L. G. Maréchal, nia estimata vicprezidanto, donacis senpage 20 ekzemplerojn de sia bonekonata, bonega libro « Tutmonda Lernolibro por paroligi Esperante ». La sumo de la vendo de tiuj libroj estas tute je la profito de la kaso de I. P. R. Tiuj, kiuj deziras efike helpi nian revuon kaj samtempe ricevi utilegan libron, mendu ĝin tuj ĉe la administranto de I. P. R. Prezo Sm. 0.50 (1.25 fr.) afrankite.

— —

A v i z o j d e l a r e d a k c i o . Nepresitajn manuskriptojn ni resendas nur tiam, se oni aldonis poŝtpagon por resendo. — La redakcio konservas por si la rajton korekti laŭ bezono la manus-kriptojn. — Represoj kaj tradukoj de niaj artikoloj estas permes-ataj, se ili ne estas speciale rezervitaj. Sed oni ĉiam citu nian revuon kaj sendu al ni, se eble, almenaŭ 1 ekzempleron de la tradukaĵo aŭ represaĵo. — En la fako « Bibliografio » estos registrataj nur tiuj gazetoj aŭ libroj, en kiu ajn lingvo, de kiuj venis almenaŭ 1 ekzemplero. — La redakcio respondas letere aŭ poŝtkarte nur tiam, se oni aldonis por la respondo internacian respondkuponon aŭ respondkarton.

— —

I. P. R. estas tute ne profitcelanta entrepreno. Ĝi nur estas la oficiala organo de I. A. I. Ĉar tiu ĉi asocio staras ekster ĉia politika aŭ religia agado, I. P. R. ankaŭ ĉiam portos tian saman karakteron kaj neniam publikigos artikolon kiu povus iel ajn ofendi la politikan aŭ religian opinion de siaj gelegantoj. Oni ankaŭ ĉiam memoru ke ju pli multnombraj la anoj de I. A. I. estos, ju pli granda iĝos I. P. R.

Presejo Esperantista : J. Heylen-Andries, Antwerpen.